# Boletín

## Federación Española de Esperanto

### Asociación de Utilidad Pública

### Miguel Fernández denove premiita



Miguel Fernández, Jorge Camacho kaj Miguel Ángel Sancho (Prezidanto de HEF)

N-ro 337 • Septembro - Oktobro 1998

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949

Ĉefredaktoro: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es



*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoro. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7;
ES-28015 Madrid;
Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79
Konto: 14.011.966, Caja Postal
admin@esperanto-es.org
www.esperanto-es.org



## Enhavo

# Eksterordinara Ĝenerala Kunsido

Kiel anoncite per la koncerna alvoko al ĉiuj membroj de la Asocio, okazis la 5an de septembro en Madrid eksterordinara kunsido de la HEF-membraro por aprobi modifon de la statuto.

La modifo, postulata de la nuna leĝo pri asocioj de publika utilo, konsistas el simpla aldono de frazo "La directiva ejercerá gratuitamente sus cargos."

Ĉeestis 17 membroj kaj krome alvenis 2 perpoŝtaj voĉdonoj, tial do la modifo estis unuanime aprobita.

Unu el la membroj kiuj partoprenis la eksterordinaran asembleon estis s-ro Angel Figuerola Auque, akompanata de sia filo Héctor Luciano. Angel Figuerola estas bone konata de niaj veteranoj, iam li prezidis la Federacion kaj li estis la ĉefa instiganto por akiri nian nunan sidejon. Li ree vizitu ĝin en la estonto!

Manolo Parra, Sekretario






Hej... Ankoraŭ ne forĵetu la koverton!

Bonvolu kontroli ĉu ruĝa punkto aperas en anguleto apud via nomo. Se jes, tio signifas ke, je la 10a de septembro de 1998 HEF ankoraŭ ne ricevis vian ĉi-jaran kotizon.



## Ĉefdelegito de UEA

UEA nomumis s-ron Augusto Casquero de la Cruz novan Ĉefdelegiton en Hispanio. Lia ĉefa tasko estas la varbado de novaj membroj, la reorganizado de la Delegita Reto nialande, la plifortigo de la rilatoj inter HEF kaj UEA, kaj inter la UEA-membroj de Hispanio, ktp. Ĉar unu el la plej gravaj partoj de UEA kaj de nia movado estas tiu Delegita Reto, ĉiu hispana esperantisto, membro de UEA, estas invitata eniri tiun reton. La farenda laboro estas ja eta, sed la graveco de tiu kunlaboro sendube estas granda.

La interesitoj bonvolu skribi tuj al: Augusto Casquero de la Cruz; Avenida Burjasot, 29, A-31; 46009 — Valencia. Rete: a-casquero@redestb.es

La ĉefdelegito devas ricevi ĉiujn memproponojn antaŭ la monato decembro, por ke la kandidatoj aperu en la Jarlibro de 1999, post la eventuala aprobo de la CO de UEA.

**ATENTU**: La ĉefdelegito estas s-ro Augusto Casquero, sed oni NE sendu al li monon por pago de kotizoj kaj aliaj servoj. Tiun taskon plenumas la koncerna peranto, tio estas HEF.



# Instruado

Augusto Casquero

Kiel sciate, HEF intencas rekonstrui la estrukturon de I.L.E.I en Hispanio, kun la celo antaŭenigi la oficialan instruadon de Esperanto en la lernejoj kaj prepari kaj helpi la novajn instruistojn tiucele.

Por tio oni bezonas la kunlaboron de ĉiuj interesiĝantoj, por tuj komenci agi, kaj, laŭ la eblecoj, prepari la aferon por la venonta lernojaro 1999—2000.

Unu el la ĉefaj punktoj povus esti organizi la oficialajn petojn al la "Centro de Profesores (CEP)", por aranĝi kurson por instruistoj, en ĉiu aŭ en kelkaj aŭtonomaj komunumoj, prezentante la proponon. Mi, kiel respondeculo pri instrudo en HEF, disponas pet-dosieron, iam sendita al mi de Miguel Gutiérrez Adúriz, taŭga laŭ mia opinio. Se iu deziras havi ekzempleron, mi pretas sendi ĝin per Internet. Poste, kompreneble, oni povas laŭ bezone fari modifojn especifajn laŭ la lokoj kaj cirkonstancoj.

Ni troviĝas nun en esperiga momento, ĉar la nuna lerneja regularo permesas instrui al la infanoj novajn fakultativajn studobjektojn (opcionales). Unu el tiuj fakultativaj lernobjektoj povas esti sendube la instruado de Esperanto. Krome, jam okazas oficialaj kursoj de Esperanto en la Universitato de Valencio, kaj en marto komencos kurso en la Universitato de la La Laguna. Mencii tion en la diversaj projektoj ege gravas. Nia celo devas esti ke Esperanto estu instruata ne nur en niaj klubejoj, sed ĉefe en la lernejoj kaj universitatoj.

Dua paŝo estas la kontaktoj kun la lokaj aŭtonomaj instancoj por peti la enkondukon de la instruado de Esperanto en la eduksistemon. Kaj tria paso povus esti la prezentado de la projekto al la koncerna ministerio. Ni ne bezonas hasti, sed necesas jam komenci. Tial bonvenas ĉies informoj kaj konsiloj (sed ne nur).

Muntado de la estrukturo postulas kunlaborantojn en jenaj taskoj:

— Kunordigado kaj varbado de novaj helpantoj kaj membroj: por kio sin proponis jam Augusto Casquero.

— Planado.

— Ekzamenkomisiono: tio rilatas inter alie al la organizado de la oficialaj ekzamenoj de ILEI nialande, elektado de la plej bona lernomaterialo, kontaktado kun ILEI tiucele, organizado de la ekzamenoj en





Hispanio okaze de hispanaj kongresoj aŭ aliaj aranĝoj, ktp.. Estus grave ke iu hispano akiru la rajton ekzameni, kio favorigus la okazigon de ekzamenoj.

— Instruado de infanoj.

— Instruado kaj agado ĉe universitatoj.

— Eksteraj rilatoj: kontaktado kun ILEI, UEA kaj aliaj eksterlandaj aktivuloj funkciantaj tiukampe.

— Eldonado de taŭga materialo: ne nur eldoni, sed kunlabori kun eldonistoj, aŭ informiĝi pri lastaj novaĵoj.

Konferencoj: organizado de konferencojn, seminariojn kaj prelegojn pri la instruado de Esperanto en nia lando; preparado de tauĝa prelego uzebla de ajna kunlaboranto en la respektiva komunumo.




— Regularo: akirado de informoj pri la nunaj regularoj kaj leĝoj, kiuj povas rilati al nia afero ĝenerale, kaj, pli precize, al la ebleco oficialigi la instruadon de Esperanto.

— Instruista trejnado: trejnado de instruistoj por la lernejoj.

Jen taskoj pli facile fareblaj nun, danke al favora situacio. Cetere, ni ĉiuj povas teni viglajn kontaktojn pere de interreto, facile transsendante informojn, proponojn ktp. al ĉiuj samtampe, kio ŝparigos tempon.

Aldona propono estas la uzado de la babil-programo "Netmeeting", aŭ iu alia, havu interretan konferencon unufoje semajne. Eblus uzi eĉ mikrofonon, fakte tre malmultekostan, kio permesos al ni rektan parolon. La programojn oni povas senpage kapti senpage el la reto mem, aŭ ricevi de mi per interreto.

Estas ja dezirinde ke, en la venonta Hispana Esperanto-Kongreso okazonta en Castellón de la 17a ĝis la 21a de julio 1999, HEF ofertu al la partoprenantoj ekzamenon de ILEI.

## Boletín 338

aperos tuj post la nuna bulteno. En ĝi oni povos legi pri la septembra Estrar-Kunsido, pri la la eventuala reorganiziĝo de la junulara sekcio de HEF, pri kunveno de la patronaro de Fundación Esperanto en Madrido, pri novaj kotizoj por 1999, kaj pri multaj aliaj temoj.




## Andaluzio

Ŝajnas ke la aserto de la Usona Prezidanto Clinton, kiu okaze de vizito al Granado deklaris ke en ĉi urbo videblas la plej bela sunsubiro en la mondo, iamaniere ankaŭ vigligis eksterlandajn gesamideanojn viziti Andaluzion. Tio okazis en la komenco de la jaro, kiam la elstara esperantista historiisto Ulrich Lins kaj lia edzino Akie vizitis dum unu semajno la urbojn Sevilo kaj Kordovo. Poste en la monato majo japana pupteatra ensemblo Shonai Dewa Ningyo Shipai prezentis sian spektaklon ne nur en Urbodoma Teatro sed ankaŭ surstrate. Esperanto utilis kiel ponto-lingvo en la prezentoj de ĉi ensemblo. Pli poste, en la monato julio, vizitis Sevilon okaze de scienca kongreso la korea samideano Sung Ho Cho, profesoro en Biologia Departemento de la Universitato de Inchon en Koreo kaj UEA-delegito en tiu urbo. Fine, du usonaj geesperantistoj anoncis sian viziton al Granado kaj Kordovo por la monato Septembro. Espereble ili ne estos la lastaj ĉi-jare.

Ankoraŭ rilate al la bela urbo Granadon, ni sciigas pri la inform-peto de la Instrua Sekcio de la Sindikato CNT, kiun oni ricevis perkomputile ĉe Andaluzia Esperanto-Unuiĝo. Temas pri grupeto da junuloj, la plejmulto el ili anoj de la Granada Universitato, kiuj deziras ekkoni kaj se eble lerni la internacian lingvon Esperanton. Kompreneble la andaluzia E-organizo jam provizis la grupeton per E-informiloj kaj lernolibroj.

Okaze de la Ĝenerala Asembleo de Esperanta Jura Asocio, okazinta en la Universala Kongreso de Montpeliero, oni prezentis la 2an numeron de Jura Tribuno Internacia, oficiala organo de la jura E-asocio, kuneldonata de Andaluzia E-Unuiĝo. Ĉi numero estas speciala dediĉata al aŭstralia samideano Ralph HARRY, okaze de sia 80a datreveno. Ene de la 94 paĝoj de la revuo aperas artikoloj de Kep Enderby, prezidanto de Esperanto Jura Asocio, ĵus elektita prezidanto de UEA, de Geoffrey Greatrex profesoro en Kanada Universitato kaj kunlaboranto de la revuo Esperanto, de Jose Maria Rodriguez membro de Andaluzia E-Unuiĝo kaj ankaŭ aperas traduko de internacia tratktato fare de Sean O'Riain, irlanda diplomato. Esperebe la intereso kaj la kunlaborado de la jura publiko daŭros tiel ke venontjare EJA kaj AEU denove kuneldonos la 3an numeron de ĉi nova E-revuo.

La Ĝenerala Asembleo de AEU 1998 okazos la 17an de oktobro je la 15a horo en Centro Cívico de Malago. La tagordo estas:

Legado de la protokolo de la antaŭa; Bilanco; Kursoj; Kristnaska Loterio; Esperanto en Bibliotekoj; Ĉemizetoj kun E-teksto; Propagando; Radio: Esperanto en ne-Esperantaj organizoj; Esperanto en ONCE; Elekto de nova Estraro.

Informis: AEU

## Eŭskio

Ok (8) bilbaoanoj partoprenis la Universalan Kongreson de Montpeliero kaj unu el ili eĉ kantis en la internacia koruso. Malgranda guto perdita en maro el pli ol 3.000 partoprenantoj, sed verŝajne unu el la plej grandaj partoprenoj inter la hispanaj urboj.

Post la feri-monatoj iom post iom nia asocio reaktivas. Kiel kutime, la 1an vendredon de la monato okazis estrar-kunveno, kie oni planis diversajn agadojn por informi pri la novaj kursoj. Afiŝoj, leteroj, intervjuoj en la lokaj ĵurnaloj kaj starigo de propagand-tabloj sur la stratoj, jen la elektitaj rimedoj.

Ankaŭ ni rezervis jam la tradician kristnaskan loterion; disponigo de niaj tute esperantigitaj kvitancoj dependas nur de la presejo.



*Iama Santander*

## Kantabrio

Sep (7) kantabroj partoprenis en la UK. Kelkaj tre aktive, kiel nia samideano Miguel Gutiérrez, kiu kune kun Miguel Fernández kaj Jorge Camacho aktive rolis en la kunvenoj de EVA (Asocio de verkistoj) kaj teame ludis kvizon. Nu, la e-istoj de Kantabrio jam preparas sian vojaĝon al Berlino!

## Kanariaj Insuloj

La loka programo lanĉita ĉijare en Tenerife estas nun elsendata per du radiostacioj:

— "Onda Interior" (Interna Ondo), ĉe 105.0 MHz-oj, ĉiumarde ekde 22h ĝis 23h.

— "Radio Anaga" (nomo montaro).

La programo daŭras unu horon. Dum la unua duono, aŭdiĝas hispane pri Esperanto (al la aŭskultantaro multe plaĉas aŭskulti pri la aranĝoj okazontoj en la kuranta semajno). Sekvas kurso pri Esperanto. Ĉe la ĉefa stacio, Onda Interior, jam komenciĝis dua kurso (Fundamenta kurso), dum ĉe Radio Anaga venas la kurso jam dissendita du monatoj antaŭe pere de Onda Interior.

La aŭskultantaro potenciala estas ĉirkaŭ 500.000 homoj, el ili 250.000 en nia ĉefurbo Santa Cruz de Tenerife, 150.000 en la apuda universitata urbo de La Laguna, kaj pli-malpli 100.000 en la norda parto de la insulo Gran Canaria (Granda Kanario), 100 kilometroj for de Tenerife.

Viajn informojn, kasedojn, gazetojn, sendu al: Onda Interior FM-105, Esperanto-red., Strato Antonio Nebrija, 21 - 2a etaĝo, 38010 - SANTA CRUZ DE TENERIFE, Kanariaj insuloj, ret. fjdavila@arrakis.es

Membroj de ESTO renkontiĝas ĉiu dimanĉe de la 11a ĝis la 13a. Kaj oni antaŭvidas la eblecon aranĝi kanarianan renkon-



tiĝon, ankoraŭ oni ne scias ĉu en La Palma aŭ en La Gomera.

Cetere ESTO, Esperanto societo de Tenerifo (Kanariaj Insuloj, Hispanio), sukcesis prepari kurson por instrui Esperanton en la Universitato de La Laguna. Fakte, de kiam Juan Regulo ĉesis agadi oni ne plu havis aliron al tiu grava institucio.

La klasoj okazos en la lingva laboratorio de la fakultato pri lingvoj, kaj jam komenciĝis la tempo por enskribiĝo, kiu finiĝos la 23an de septembro. Poste, de la 1a de ĝis la 6a de oktobro estos la oficiala enskribiĝo. Same kiel en la Universitato de Valencio, la lernantoj ricevos 3 kreditojn, fakto tre grava cxar tiuj poentoj validas por akiro de la koncerna universitata diplomo.

La komenciĝo de la kurso okazos en La Universitato de La Laguna en marto de 1999. sub la gvido de profesoro Alejandro Lopez de Vergara.

Francisco José Dávila Dorta

## Katalunio

La 28an de junio okazis la "Dua tago de Hispana Esperanto-Muzeo" en Sant Pau d'Ordal, kune kun plia "Babilado", ĉi-foje por debati pri la temo "Kampanjo 2000". Ĉeestis 42 homoj, kiuj unuanime koincidis rilate al la bezono relanĉi la agadon por Esperanto. Tamen la diferencoj montriĝis kiam oni alvenis al konkretiĝo por realigi la kampanjon.

De la 3a ĝis la 6a de oktobro okazos la 6a Internacia Esperanto-Semajno, Calafell (Tarragona). La kompleta pensiono kostos 4.200 ptojn. Kaj la hotelo situas nur 40 metrojn for de la plaĝo. Inf: Hispana Fervojista Esperanto-Asocio, Apdo 15027, ES-08080 Barcelona, Hispanio. Tel: +34-93-7275021.

De la 3a ĝis la 10a de oktobro okazos la 6a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo. Inf: Hispana Fervojista E-Asocio, Ap. 15027, ES-08080 Barcelona, Hispanio. Tel: +34-93-7275021. Rete: jserrano@oc6.es

BEA (Barcelona Esperanto-Centro) proponas jam kristnaskan loterion. La numero estas 23.082.

La 30an de septembro okazis en la BEC-sidejo kunvenon. Oni raportis pri la 83a UK. S-ro Manuel de Seabra informis pri la kandidatigo de Willian Auld al Nobel-premio, kaj s-rino Vimala Devi prezentis sian lastan verkon "Speguliĝoj".

La nova supera kurso komenciĝos la 22an; kaj la elementan, la 23an de septembro de la 19:00 ĝis la 20:30.



La Vanguardia aperigis artikolon titolitan "La torre de Babel europea" al kiu reagis s-ano Luis Serrano per letero, kiun la redakcio de la ĵurnalo publikigis la 21an de junio.

La revuo "Nova Badia" (kataluna/kastilia) de Badia del Vallés, vilaĝo apuda al Sabadell, aperigas en sia lasta paĝo kurson de Esperanto prizorgatan de Antonio Quintana.

## Katilio-Leono

Gracia Mosteryrín trovis kuriozan etikedon de vestaĵo: Esperanto S.A. Barcelona. España. Made in Spain. Ĉu iu, precipe el Katalunio, povas liveri pli precizajn informojn pri la adreso de la entrepreno?

La ĵurnalo "Diario de León" (1998-07-02) eldonis artikolon pri germanaj esperantistoj, pilgrimantaj al Santiago de Compostela en akompano de Augusto Casquero, sub titolo "El idioma de la amistad".

El Nia Voĉo

## Madrido

En Diario-16 aperis novaĵo pri esperanto la 19an de julio

En julio Onda Madrid kaj RNE-1 elsendis intervjuon al s-ro Marcos Cruz kaj en septembro Onda Norte elsendis intervjon al s-ro Manolo Parra. La radio de la norda kvartalo de Madrido "Onda Norte" (FM 107,3) prezentis unuhoran programon pri esperanto, kun la partopreno de la gesamideanoj Juan del Castillo, Ana Mareno, Manolo Parra kaj Marco.

Lunde kaj ĵaŭde (de la 18:00 ĝis la 20:30) funkcias HEF-CO (Rodríguez San Pedro 13-3°-7). Aliajn tagojn kaj horojn eblas uzi la aŭtomatan respondilon aŭ la fakson 91 446 80 79.

Jen listo de estontaj prelegoj okazintaj en Madrido: la 28an de septembro "Someraj Esperantaj Kongresoj", kaj la 19an de oktobro "Impresoj pri Anglio" de Manolo Parra en la CO (esperante). La 16an de oktobro, vendredo. 19:30 h. "Lorca, poeta universal en la lengua internacional, homenaje a Federico García Lorca en el Centenario de su nacimiento" de Miguel Fernández (hispanlingve). Casa de Guadalajara en Madrid, Plaza Santa Ana 15-1°.

Kursoj: Centro Cultural "Maestro Alonso" (kvartalo Ventas). Merkredoj de 18:30 ĝis 20:00.

De la venonta 8a de oktobro, okazos la unuan kaj trian ĵaŭdon de ĉiu monato, je la 19:30 horo, parolrondo en la HEF-oficejo. Ĝia celo estas kuraĝigi komencantojn, ĉefe tiujn de la perkoresponda kurso. S-ro Fernando Moral, instruanto de tiu kurso, gvidos ĝin. Pro memevidentaj kialoj, verŝajne nur madridanoj povos partopreni. Bedaŭrinde ni ne povas okazigi ĝin ĉie kie HEF havas lernantojn. Tamen ni konsilas al tiuj loĝantaj ekstermadride partopreni la aktivaĵojn aranĝitajn de siaj respektivaj lokaj grupoj.

Ana Manero

## Murcio

De kelkaj tagoj, la mirinda prelego pri Federico García Lorca, kiun samideano Miguel Fernández prezentis al la publiko de la hispana Kongreso de Valadolido, legeblas en Interreto. Oni memoru, ke la titolo de la prelego estas "Lorca, poeta universal en la lengua internacional", ĉar

ĝi estas verkita en la hispana lingvo. Oni povas do trovi ĝin ĉe jenaj adresoj: http://www.distrito.com/esperanto/lorca.htm kaj http://www.dragonfire.net/~Esperanto/lorca.htm.

Se vi disponas sonkarton, vi povas aŭskulti la faman "zorongo pri la maŭra reĝo" (del rey moro), popola kanto en Granado, dum vi legas pri nia poezia majstro. Tiu kanto, aludita de la aŭtoro de la prelego, pri fama zorongo kantita de "La Argentinita" kaj ludita de García Lorca mem antaŭ multaj jaroj, ankaŭ estas aŭskultebla en tiu dokumento, ĉar Miguel Fernández aludas ĝin plur-foje kaj eĉ tradukas ĝian tekston ("La manoj de mia amo/ mantelon por vi nun brodas/ kun la pelerino akva/ kaj kun bordero levkoja"). Espereble, multaj esperantistoj, kiuj ne havis la privilegion aŭskulti ĝin en Valadolido, ĝuos nun la prelegon same kiel la kongresanaro.

Jesuo de las Heras




## Tutlande

En la fako "navegante-sitios" de la suplemento "**Ciberpaís**" (jurnalo El País) de la 2a de julio aperis informeto pri la multlingva inform-centro ĉe http//:www.esperanto.net

Ĵurnalisto de nov-agentejo EFE intervjuis la sekretarion de HEF, Manoloj Parra kaj s-ron Pancorbo. La noton oni dissendis al sia ĵurnal-reto.

Dum la monato junio, grupo da germanaj pilgrimantoj, gvidataj de la esperantistoj Rudolf Fisher (germana) kaj Augusto Casquero (hispana), pilgrimis piede el la urbo Astorga ĝis Santiago de Compostela, norde de Hispanio. Dum la vojo ĉiuj ĝuis la belegajn pejzaĝojn, la interesajn monumentojn, kaj speciale la afablecon de la homoj, ĉefe en vilaĝoj. Tiu ĉi pilgrimado fariĝis neforgesebla travivaĵo por ĉiuj. Danke al la lingvo Esperanto la interrilatoj inter germanoj kaj hispanoj bone kaj agrable funkciis, kaj eĉ tio estis bona reklamado por la internacia lingvo tra la vojo, ĉar multaj aliaj pilgrimantoj, el diversaj landoj, ekinteresiĝis pri nia lingvo kaj petis informojn, por estontece lerni ĝin. La loka gazetaro aperigis artikolon pri tiu grupo, kaj tre favore parolis pri E-o.

## Valencio

De la 25a ĝis la 31a de julio 1998, okazis en la Fakultato pri Filologio de Valencia (Hispanio) la "1a Apud-mara Kultura Esperanto-Semajno", al kiu aliĝis 102 homoj el Hispanio, Pollando, Rumanio, Rusio, Britio, Slovakio kaj Irlando.

Inter la plej interesaj eroj enprogramitaj oni povas mencii la rektmetodan kurson de E-o gvidatan de pola profesorino Daniela Emler, la prelegojn "La kaŝita Babelo" (Pascual Pont, Hispanio), "Arto servante la sanon" (Stefano Budahazy, Rumanio), "Propedeŭtiko de Esperanto" (Augusto Casquero, Hispanio), "Gdansk, Sopot,

Gdynia" (Daniela Emler, Pollando), la kolokvon "La nuna stato de Esperanto en la mondo. Perspektivoj", la teatrajn monologojn "De tajgo al minaretoj" kaj "La eta princo" (Jadwiga Gibczynska, Pollando), la artajn prezentadojn, inter kiuj elstaris la kantoj de Ludmila Titova (Rusio) kaj la folkloraj prezentadoj de la pola junulara folklora ensemblo de Bydgoszcz (Pollando) el 49 membroj, kiuj krom por la Kultura Semajno ludis ankaŭ, kun granda sukceso, por la civitanoj de la urboj Cheste kaj Moncofar, kie ili estis invititaj prezentiĝi fare de la respektivaj urbaj registaroj.

Kompreneble ne mankis, kiel kutime, giganta paelo kun sangria, ĉi foje kuirita de niaj gesamideanoj Francisco Conejero kaj Inés Comabella.

La partoprenintoj vizitis la ĉefajn vidindaĵojn, kaj plonĝis en la belegaj plaĝoj.

La etoso estis ege agrabla kaj amikeca, kaj ĉiuj foriris kun la deziro baldaŭ reveni al Valencio.

Augusto Casquero

## William Auld por la Nobelpremio pri Literaturo



EVA (Esperantlingva Verkista Asocio) ricevis en Montpeliero novan komitaton. Ĝi konsistas el verkistoj Marjorie Boulton, Gerrit Berveling, Jorge Camacho, István Ertl, Paul Gubbins, Trevor Steele, kaj Spomenka Ŝtimec.




Dum la jarkunveno de EVA lundon posttagmeze okazis viglaj diskutoj. La nova komitato aprobis gravan iniciaton, kiun kune entreprenis tri Esperantaj instancoj: Esperantlingva Verkista Asocio , Esperanta PEN-Centro kaj Internacia Esperanto-Muzeo el Vieno, laŭ la iniciato de verkisto Manuel de Seabra, por kandidatigi William Auld por la Nobelpremio por Literaturo pro sia verkado en Esperanto. Estis akceptita vortumo de la letero al la Komitato por la Nobelpremio pri Literaturo, kiu iru al Svedio dulingve, en Esperanto kaj la sveda. EVA preparas dokumentojn pri William Auld kun impona bibliografia listo, kiu dokumentu pri lia verkado, poezia, esea, traduka.

Kiaj estas la ŝancoj, por ke verkisto, kiu verkas en Esperanto, gajnu la Nobelpremion pri Esperanto? Verŝajne necesus persistu dum pluraj jaroj por konsciigi la svedajn instancojn pri la Nobelpremio konsideri verkadon en Esperanto. Intertempe la kanditatigo konsciigu nin mem pri la literaturaj valoroj en Esperanto. La unuaj paŝoj sur la longa vojo al la Nobelpremio por la verkado en Esperanto estis faritaj en Montpeliero, kiam Esperanto aĝas 111 jarojn.

Spomenka Ŝtimec

# 83a UK EN MONTPELLIER



*Pathe, teatro kie okazis pluraj prezentoj*

*Manuel Pancorbo Castro*

Ĉi jare, la plej elstara aranĝo en la tuta esperantujo realiĝis en la mediteranea franca urbo Montpellier, de la 1a ĝis la 8a de aŭgusto, kaj ĝin partoprenis pli ol 3000 homoj el 70 landoj. Proksimume cento da ĉeestantoj estis hispanaj.

La kongresejo "Le Corum" iĝis ega renkontiĝejo kie la LKK (Loka Kongresa Komitato) faris bonan laboron (almenaŭ el la vidpunkto de tia novulo kia estas via raportanto), des pli bonan ju malpli atendita estis la granda nombro da aliĝintoj; la programeroj disvolviĝis glate en la plej fo-je komfortaj kaj ampleksaj salonoj.

La solena malfermo gastigis la salutmesaĝojn de gravuloj: Koffi Anan, Ĝe-



nerala Sekretario de UN, Federico Mayor Zaragoza, Ĝenerala Direktoro de Unesko, Boutros Boutros-Ghali, eks-Ĝenerala Sekretario de UN, kaj aliaj.

Ankaŭ en ĉi tiu kongreso okazis la kutima kunsido de UEA-komitatanoj. Ĝia plej grava tasko estis la elekto de nova UEA-estraro. Post kelkaj tagoj da kunsidoj, finfine elektiĝis novaj estraranoj. Prezidanto: Keppel Earl Enderby, aŭstralia ŝtatisto, juĝisto kaj advokato; 1972—1975 li funkciis kiel ministro en la aŭstralia registraro. Renato Corsetti, kiu jam deĵoris en la antaŭa estraro, estas nun vicprezidanto kaj Michela Lipari-Sato plu estos ĝenerala sekretario. Novaj estraranoj estas Gbeglo Koffi el Togolando (unua estrarano el Afriko), Petro Chrdle el Ĉeĥa respubliko, kaj Kalle Kniivilä el Svedio.

La italo Renato Corsetti, nuna vicprezidanto, gvidis la aranĝojn, kiuj rilatis al la kongresa temo "Mediteraneo, ponto inter kulturoj". Baldaŭ evidentiĝis ke la fakta temo estis "Mediteraneo, ĉu ponto aŭ baro inter kulturoj?". La diferencon inter la suda mediteraneo —araba, islama kaj malriĉa— kaj la norda —usoneca, kristana kaj riĉa— pritraktis preskaŭ ĉiuj prelegintoj, tiel konkludante ke, nun Mediteraneo estas pli baro ol ponto inter kulturoj. Ankaŭ oni sentis ke Esperanto povus helpi konstrui veran ponton, do ekstaris la neceso intensigi la informan laboron pri E-o en la arabaj landoj. Kiel konkreta ago, la reprezentantoj de landaj kaj regionaj asocioj ĉirkaŭ Mediteraneo decidis kunlabori por estonta kunveno en Malto.



*Flanka vido de la enirejo al la kongresejo*


*Hispanoj en la Kongreso*


*Hispana teamo en la Kvizo*

La 3an de aŭgusto okazis la Strategia Forumo de la Esperanto-Komunumo, kiun, la unuan fojon en la lastaj jardekoj, partoprenis reprezentantoj de preskaŭ ĉiuj signifaj E-organizoj. Inkluzive Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT), ne ĉiam en bonaj rilatoj kun UEA, estis invitita kaj partoprenis (ĉi-rilate la nuna UEA prezidanto estas ankaŭ estrarano de SAT). La enkondukan bazan prelegon faris Humphrey Tonkin, kaj ĝia titolo estis "Ĉu asocio, movado, komunumo, civito?", leganto imagu do kion oni pritraktis en tiu kunsido.

La jarkunveno de EVA, Esperantlingva Verkista Asocio, liveris ŝokan novaĵon al la esperantistoj tra la tuta mondo: laŭ la iniciato de verkisto Manuel de Seabra tri Esperantaj instancoj (Esperantlingva Verkista Asocio, Esperanta PEN Centro kaj Internacia Esperanto Muzeo el Vieno) kune kandidatigos William Auld por la Literatura Nobel-premio pro sia verkado en Esperanto. En tiu jarkunveno oni akceptis vortumon de la letero al la Komitato por la Nobel-premio pri Literaturo, kiu iros al Svedio dulingve, en Esperanto kaj la sveda. EVA preparas dokumentojn pri

William Auld kun impona bibliografia listo, kiu prezentos lian poezian, esean kaj tradukan verkadon.

La artaj aranĝoj estis tre bonkvalitaj. Ni ĝuis la kanzonojn de Jaques Ivart, franca verkisto-kantisto arta ido de Brassens, de la sveda rokgrupo "Persone", ĉi kaze ludanta akustike, (tio estas neelektre, de nia Solotronik kaj liaj sonmaŝinoj. La teatra grupo Krizalido impresis la ĉeestantaron per sia spektaklo "Meluzina la Granda Feino", kiu pritraktas la universalan kaj tre malnovan mitologian temon de la kuniĝo de mortalo kun fea estulino.

En la solena fermo, kiel kutime, la verda flago estis transdonita al reprezentanto de la estonta 84a UK en Berlino, kie ni espereble ĝuos tiel la kongreson mem, kiel la aranĝojn kiuj festos la dekjaran datrevenon de la disfaligo de la (fi)fama berlina murego.

*(Fotoj: Jesuo de las Heras kaj Lucia Peredo)*

# UEA

## Ponto inter nordo kaj sudo

La traktadon de la temo de la 83a UK en Montpeliero, "Mediteraneo — ponto inter kulturoj", enkondukis prelego de prof. Fabrizio Pennacĉietti, profesoro pri Ŝemida filologio en la Universitato de Torino.

Carmel Mallia parolis pri Malto, umbiliko de Mediteraneo, kaj Gerrit Berveling pri Mediteraneo en antikveco, kiam ĝi estis tre pli efika ponto ol ĝi estas nun. Jozef Ŝemer prilumis la nuntempajn rilatojn inter judoj kaj araboj en Israelo, kaj Antonio Marco Botella, malhelpita ĉeesti pro malsano, sendis skriban kontribuon pri la feliĉa periodo kiam etne kaj religie malsamaj homoj kunvivis pace en Al-Andalus.

El la teoria vidpunkto multaj agnoskas, ke la E-movado devas fari ion por konstrui ponton inter la nordo kaj la sudo de la mondo. Mediteraneo en tiu senco estis nur metaforo pri la tuta mondo.

El la praktika vidpunkto oni ne povas ne konstati ke la E-movado estas esence movado forta en la nordaj landoj, dum en la sudaj (mediteraneaj aŭ ne-mediteraneaj) landoj ĝia forto estas tre varia. Labori por konstrui unue la sudan bazon, sur kiu staros la ponto, estas nia prioritato.



*Muzik-pluvo*, k-disko de Akordo

## Piron kaj Akordo

La Ŝatata serio de Malfermaj Tagoj de la Centra Oficejo de UEA spertos sian sekvan eldonon sabate, la 28an de novembro. Ĉi-foje la ĉefa gasto estos la populara verkisto, artikolisto kaj preleganto Claude Piron.

La vizitantoj povos ĝui ankaŭ la muzikon de la nederlanda kantensemblo Akordo. La sepmembra grupo famiĝis internacie per sia prezentado en la Praga UK kaj per la kompakta disko Muzik-pluvo kun mezepokaj kaj folkloraj kantoj. Kiel kutime, ĉiu vizitanto povos partopreni en senpaga loterio, spekti vidbendojn kaj babili kun novaj kaj malnovaj geamikoj ĉe la kaftablo.

## Forumo de la E-komunumo

La unuan fojon, almenaŭ en la historio de la E-movado post la dua mondmilito, okazis kunveno en kiu estis reprezentataj ĉiuj signifaj partoj de la E-komunumo. En la unua kunsido de la Strategia Forumo de

la E-Komunumo en lundo, la 3an de aŭgusto, ĉeestis kvindeko da asocioj grandaj (UEA, SAT, TEJO, ILEI, IFEF, AIS), mezgrandaj (asocioj de katolikoj, sciencistoj, kuracistoj, etnistoj, bahaanoj, komunistoj, ktp.) kaj malgrandaj (lokaj klerigaj centroj k.a. asocioj).

Enkonduke prelegis Humphrey Tonkin, pri la konceptoj "movado, komunumo kaj civito", kaj Yves Peyrauht, prezidanto de SAT, pri la nuntempaj sociaj taskoj de E-organizaĵoj. Skribe kontribuis Aleksander Korĵenkov, kiu pro personaj kialoj ne povis ĉeesti. La enkonduka prelego de Korĵenkov, titolita "Esperanto post la jaro 2000", jam aperis kiel la unua numero de la nova serio de "Diskutkajeroj" de UEA. Ankaŭ la prelegoj de Tonkin kaj Peyraŭt estos publikigitaj.

La ĉefa rezulto de la kunveno estas la montro de granda preteco je du-flanka aŭ plurflanka kunlaboro inter la partoprenintoj, kio jam dum la venonta laborjaro devus doni siajn fruktojn en la formo de kunlaboraj aranĝoj inter fakaj asocioj. Oni krome decidis daŭrigi la ekziston de la Forumo en la nuna neburokrata maniero (prezidantoj aŭ estraroj rilatas inter si) kaj pritaksi la rezultojn dum la venonta UK en Berlino.

## Rezolucio de la 83a UK

La 83a Universala Kongreso de Esperanto,

KUNVENANTA en Montpeliero, Francujo, de la 1a ĝis la 8a de aŭgusto 1998, kun 3133 partoprenantoj el 66 landoj,

— SALUTANTE la 50an datrevenon de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj, kies respekto estis kaj restas esenca kondiĉo de la laboro por Esperanto,

— DEBATINTE pri la nuntempaj ideoj kaj laboroj de interregistaraj kaj ne-registaraj organizaĵoj rilate edukadon al paco kaj al reciproka toleremo, kun aparta atento al mediteraneaj landoj,

— ANALIZINTE la kontribuon de la Esperanto-komunumo, realan kaj potencialan, al tolerema, multkultura mondo,

ALVOKAS

— al Unuiĝintaj Nacioj, al ties instancoj, kaj al neregistaraj organizaĵoj, ke ili donu pli grandan atenton kaj serĉu eblan solvon al la problemo de la lingva dimensio de homaj rajtoj. Tiu dimensio estas tro ofte preteratentata, kaj tiel la homa rajto plene kaj sendiskriminacie kompreni kaj esti komprenata je internacia nivelo ne povas realiĝi,

— al Unesko, ke kadre de ĝia LINGUAPAX-programo, ĝi konsideru instruadon de Esperanto por eksperimenti ĝian valoron en la antaŭenigo de interkultura edukado,

— al la landaj kaj fakaj organizaĵoj de la Esperanto-komunumo, ke ili intensigu en ĉi tiu spirito kaj en la kadro de Kampanjo 2000 siajn klopodojn por meti la internacian lingvon Esperanto kaj ĝiajn valorojn je la servo de la evoluo de la nuna mondo en paco kaj toleremo.

## Ago-tago

UEA denove alvokas al publika agado por diskonigi Esperanton dum la Internacia Ago-Tago, sabate, la 3an de oktobro. Ĉiu rajtas mem elekti la plej taŭgan manieron por fari tion: per distribuado de informiloj, per ekspozicio aŭ prelego, eĉ per demonstracio, aŭ alie. Ago-Tago estos

bona okazo por publika aktivado por ĉiuj; precipe por kluboj sed ankaŭ por izolitaj unuopuloj. Ĉiu povos tiam partopreni en komuna tutmonda agado.

Ĉar ĉi-jare oni festas la 50an datrevenon de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj, UEA rekomendas ligi ĝin kun la aktivado en la Ago-Tago. Oni precipe diskonigu la gravecon de lingvo kiel fundamenta homa rajto. Taŭgaj koncizaj materialoj pri la temo estas: Manifesto de Prago; studmaterialo "Kio ni estas kaj kion ni celas", kun klariga artikolo pri ĉiu el la sep tezoj de la Manifesto de Prago; raporto pri la simpozio "Lingvo kaj homaj rajtoj", organizita de UEA aŭspicie de la Alta Komisiito de UN pri Homaj Rajtoj. La Universala Deklaracio estas havebla ĉe UEA.

## UEA en kunsido de ISO

Ekde 1990 UEA havas oficialan kunlaboran statuson en kategorio A kun la Teknika Komitato TC 37 de Internacia Organizo por Normigado (ISO). En tiu kategorio estas nur 18 internaciaj organizoj, i.a. Unesko, Monda Organizo por Sano kaj Eŭropa Komisiono.

La komitato TC 37 celas krei bazon por la terminologia laboro de la aliaj komitatoj de ISO, kiuj okupiĝas pri normigado sur specialaj kampoj de industrio, publika administrado, scienco, ktp. Flanke de UEA la rilatojn kun ĝi prizorgas Terminologia Esperanto-Centro, kiu laste pretigis la Esperanto-eldonon de "Terminologia gvidilo". Ĝia aŭtorino, Heidi Suonuuti, dum multaj jaroj estis prezidanto de TC 37.

La 14an de aŭgusto la Teknika Komitato TC 37 kunsidis en Stokholmo. Ĉeestis 30 membroj kaj 9 observantoj. Roland Lindblom reprezentis UEA.

## 1000 Donkiĥotoj

| | |
|---|---|
| HEFA (Fervojistoj) | 40 |
| Miguel Gutiérrez (pliaj) | 15 |
| Martí Aguado | 3 |
| Marcos Cruz | 3 |
| Luis Serrano | 7 |
| Pablo Conesa García | 1 |
| Jaime Canoa | 3 |
| Pedro Ullate | 5 |
| Jose Maria Rodriguez | 10 |

Ĝisnuna nombro: 401







# Miguel Fernández gajnis la premion "La verko de la jaro"

Miguel Fernández ricevis la premion "la verko de la jaro 1997" pro sia poemaro "El la sonoraj soloj".

La premion aljuĝas ĉiujare la membroj-abonantoj de la revuo Literatura Foiro, el inter opo da kandidataj titoloj proponataj de almenaŭ tri membroj de la Esperanta PEN-Centro. Partoprenis ĉi-jare ankaŭ la verkoj "Inter vivo kaj morto" (Julius Balbin); "Kanto de telegrafistoj" (Josip Velebit); "Urno kun runoj" (Meva Maron; "Vino, viroj kaj kantoj" (Eli Urbanová); kaj "Kvarteto", de la rusa kvaropo Viktor Ĉaldajev, Gafur Gazizi, Nikolai Lozgaĉev kaj Alen Kris.

Nia varma-voĉa poeto el Granado iam diris, ke en Esperantujo oni preskaŭ bezonas la brul-stampon "premiita en konkurso" por ricevi ian diskonatecon. Eble tial, li antaŭ kelkaj jaroj partoprenis en diversaj konkursoj kaj gajnis ne pokajn premiojn. Kaj eble ankaŭ tial, li hodiaŭ plu ricevadas premiojn, preskaŭ pretervole — ne forgesu, ke oni ne sin proponas por la premio "la verko de la jaro", sed oni estas proponita de aliaj.

Ni kore gratulas nian amikon kaj kunlaboranton pro ĉi nova premio, kaj instigas lin plu beletri en esperanto kaj plu regali nin per sia arda vervo, per siaj lirlaj versoj kaj per siaj diantoj libro-formaj. Dankon, Miguel!

La Redakcio

# 31a Internacia Infana Kongreseto

Inter la 1a kaj la 8a de aŭgusto, paralele kun la UK de Monpellier, okazis en Sommiŝres (Francio) la "31a Internacia Infana Kongreseto", sub la lerta gvidado de Christopher Fettes (Irlando), kaj Jean François Passarella (Francio). La infanoj venis el Hispanio (Oscar Ariño, Matthias kaj Simón Humet, kaj Victor Casquero), Kazastano, Francio, Rumanio, Svizlando, Nederlando, Portugalio, Germanio, Britio, Belgio, Ukrainio, Pollando, Slovakio, Kroatio, Hungario, Irlando Japanio...

La E-o nivelo de la infanoj estis ege alta (multaj estas denaskaj e-istoj), kaj la etoso estis tre agrabla. La infanoj havis tempon por ĝui la aranĝon, viziti diversajn lokojn el Francio, lerni, kaj ĉefe babiladi inter ili en Esperanto.

Kiel helpantoj partoprenis el Hispanio Mónica Cruz, kiu jam dum la IIK de Valencia, en 1993, aktivis en tiu aranĝo, kaj José Añó (Valencia) kiu produktis vere belan Kongreslibreton, certe la plej altkavlitan ĝis nun.

Venontjare la IIK okazos en Berlino, inter la 31a de julio kaj 7a de aŭgusto, paralele kun la UK. Do, ĉiuj kiuj konas infanojn kiuj satus partopreni jam povas komenci helpi ilin por akiri la necesan nivelon por tiu aranĝo, kiu certe estos neforgesebla rememoraĵo por ili, kaj nemalhavebla okazo por bone kaj multe praktiki E-on. Kaj ne forgesu aliĝi ilin sufiĉe frue, unue por helpi la organizantojn, kaj due por ke la aliĝkotizo estu pli malmultekosta.

Augusto Casquero



*Monica kun pluraj infanoj*

## Alia vidpunkto pri la IIK

Mi ankoraŭ ne vekiĝas el tiu profunda sonĝo. Revo realiĝis la unuan semajnon de aŭgusto, en ĉarma eta vilaĝo sude de Francio. Riĉiga kunvivado por infanoj kaj gvidantoj: 46 infanoj el 19 landoj (de Brazilo ĝis Japanio), kaj 9 gvidantoj el 6 landoj.

Ni ĝuis la tutan semajnon. Ni ĝuis koncerton de Persone (ili sukcesis dormigi preskaŭ ĉiujn infanojn!) kaj noktan promenadon tra la urbo kaj ĉirkaŭ mistera kastelo.

Cetere, kion diri pri naĝado, maro, ludoj, manĝo, interamikiĝo? Ĉu jam Kajto ricevis la poŝkarton kiun ni mem desegnis?

Ĉi tiu estis la lasta Infana Kongreseto por Kristoforo, kiu dum multaj jaroj organizis ĝin, zorge kaj sindone. Novaj homoj, kaj novaj perspektivoj. Mi certas, ke la venontjara Kongreseto en Germanio estos same alloga, eĉ pli!

Nepre partoprenu, vi ne pentos!

Mónica Cruz




**Kunveno de la Komitato de TEJO**

# VIGLAJ DISKUTOJ EN RIJEKA

Novja kasisto, sistemo por elekti estraranojn kaj komitatanojn B kaj landa sekcio jen la ĉefaj rezultoj de la kunvenoj de la Komitato de TEJO de la 27a ĝis la 30a de julio, kadre de ĝia 54a Internacia Junulara Kongreso en Rijeka, Kroatio.

Krom la kutimaj formalaĵoj kiel aprobo de jarraporto, la Komitato en sia unua kunsidotago akceptis la aliĝon de Litova Esperantista Junulara Ligo (LEJL), tiel altigante la nombron de landaj sekcioj de TEJO al 40.

La Komitato nomumis novan kasiston, Anna-Lena Eriksson el Svedio kaj fondis financan komisionon, kun la celo subteni la kasiston. La komisiono ne nur provizos praktikajn kaj teoriajn konsilojn, sed ankaŭ tre konkrete helpos ekzemple en la revizorado de la librotenado de la IJK-oj. Verkota manlibro kaj librotena kontosistemo por IJK-oj plie kontribuos al pliprofesiigo de la financa administrado de TEJO.

Por certigi kunordigadon kaj interŝanĝon de laborbrigadoj, la Komitato nomumis komisiiton pri tiu fako. Ankoraŭ estas serĉataj homoj kiuj ŝatus organizi laborbrigadon en Portugalio, por kiu konkreta propono jam ekzistas. Laborbrigadoj estas ne nur parto de la socia agado de TEJO, sed krome kontribuas al la disvastigado de Esperanto inter junuloj.

Du laborgrupoj pritraktis la ontan strategion de la organizo. Unu faris la unuan paŝon en strategia planado por TEJO, dum alia grupo poste specife ellaboris strategion pri seminarioj.

Grava ŝanĝo okazis en la maniero laŭ kiu estonte prezentiĝu kaj trejniĝu kandidatoj por la Estraro. Por pli efektivigi la laboron precipe de novaj estaranoj, nove kreita elekta komisiono konstante serĉos taŭgajn kandidatojn, prizorgos trejnkursojn, kaj fine prezentos kandidatojn al la Komitato. Celo estas evito de spontanea elekto de homoj malbone preparitaj aŭ netaŭgaj. Samtempe oni forte malrekomendas ke estraranoj de TEJO havu tro temporabajn aliajn postenojn.

Ankaŭ la elektoproceduro de komitatanoj B ŝanĝiĝis, parte laŭ la modelo de UEA. Por kandidatiĝi, interesitoj de nun devos kolekti subskribojn aŭ rekomendojn de minimume 5 individuaj membroj el du landoj, konforme al la ideo ke komitatano B reprezentas ĝuste la individuajn membrojn.

Ĝenerale la kunvenoj estis karakterizitaj de viglaj diskutoj kaj intensa laboro ankaŭ ekster la kunvenoj. Je la fino, la Estraro esprimis la deziron ke same viglos la kontribuoj al cirkuleroj kaj diskutoj dum la jaro.

Sjoerd Bosga, UEA-Estrarano pri informado






## Esperanto en la telefonlibro

Esperanto ekzistas por ke oni uzu ĝin en la praktiko. Ĝuste tion ekzemplas la ĵusaperinta nova telefonlibro en Budapest, Hungario, kie sur la 15a p. inter la fremdlingvaj ĝeneralaj informoj aperas ankaŭ la tutkolumna Esperantlingva teksto (krom la angla, germana, franca, itala kaj rusa).

La apero de E-lingvaj informoj estas grava ne nur pro la fakta utilo, sed ankaŭ pro ĝia modela valoro. (Kie oni uzas vian Esperanton? - Ekzemple en fervojaj horaroj en 9 landoj, kaj ekz. en la budapeŝta telefonlibro...). Surbaze de tio ni povas peti la aperigon de E-lingvaj materialoj ankaŭ en aliaj eldonaĵoj, kaj alilandanoj povas mencii ĝin kiel jam ekzistantan fakton kiam ili petas la uzon de E-o ĉe siaj telefonkompanioj.

Laszlo Szilvasi

## Ekspozicio

Vi povas partopreni la ekspozicion "Decembraj festoj en mia familio". La tehniko estas libere elektebla. Plej taŭga formato: 21x29,5 cm. Limdato: 1an de novembro 1998. Oni aldonu al la desegnaĵo: nomon, adreson, aĝon kaj unufrazan priskribon de la verko.

Ĉiujn desegnaĵojn oni ekspozicios dum decembro 98 kaj la publiko elektos plej bonajn desegnaĵojn. Kompreneble esto belaj premioj. Rajtas partopreni neesperantistoj. Adreso: Decembraj festoj/KEU; Sveti Duh 130; HR-10000 Zagreb, Kroatio. Pliaj informoj: hes@esperanto.nu

## Tutlanda radio-programo

Lunde la 27an de julio la tutlanda pola publika Radio BIS, junulara radioprogramo, disaŭdigis intervjuon kun Andrzej Pettyn pri Esperanto, lige kun la datreveno de la apero de la Unua Libro de Ludoviko Zamenhof. La programo daŭris ĉ. 10 minutoj, kaj ĝi finiĝis per E-kanto kun la adreso de Pola E-Asocio kaj ties telefonnumeroj.

## Esperanto-Kafejo

Dimanĉon 31an de aŭgusto malfermiĝis en Montrealo Café Espéranto (Esperanto-Kafejo). La posedantino, S-ino Julie Martel, elektis tiun nomon por substreki sian emon oferti manĝaĵojn kaj trinkaĵojn el diversaj partoj de l' mondo. La nomo de la kafejo funkcias kiel reklamilo sur grava strato de Montrealo. Cafe Esperanto; 250, av. du Mont-Royal Est; Montreal QC H2T 1P5; Kanado.

## Infanoj en Interreto

En la mondvasta komputila reto ekzistas klubo, speciale kreita por infanoj. Tie ili povas babili, ludi kaj legi. La klubo estas "nur" por infanoj kiuj kapablas uzi Esperanton — tekstoj kiuj rilatas al lernado aŭ kiuj montras ke la skribinto ne estas vera Esperanto-parolanto, estas fulme forigitaj. Ĉiu infano rajtas prezenti sin per propra paĝo. La adreso de la klubo estas http://www.geocities.com/EnchantedForest/2755/

## La Krokodileto

Sezona gazeto por la plej junaj Esperanto-parolantoj. Simpla okpaĝa gazeto kun rakontoj, novaĵoj, ludoj, enigmoj kaj interesaj artikoloj estas eldonata de JEFO, la Junulara Franca Esperantista Organizo. Ĝi estas abonebla (minimume 10 gld.) kaj nepre helpos al tiuj gepatroj kiuj volas plifortigi la ligon inter la infanoj kaj nia lingvo. Redaktoro estas Catherine Giangrossi, B.P. 3019, FR-69394 Lyon cedex 03, Francio. Tel. kaj fakso 33-4 72 36 07 14 pascal.lecaille@wanadoo.fr

## Brila disertacio

La 15an de julio ĉe la Beletra Fakultato de la Universitato de Torino (fako scienco de lakomunikado) Federico Gobbo, 24-jara, tre brile diplomiĝis per disertacio pri "La dilemo de Esperanto inter helpfunkcio kaj civitaniĝo". La pli ol 400 paĝa disertacio (raportanto: prof. F. Pennacchietti) estis longe diskutita antaŭ la juĝanta profesoraro kaj meritis al Gobbo la plej altajn eblajn poentojn (ege malofte donataj en la italaj universitatoj), nome 110/110 kun laŭdo, honora mencio kaj deklaro de indo de publikigo.

La disertacio, jam nun konsiderebla klasikaĵo inter la priesperantaj esploroj, konsistas el tri partoj: Esperanto komunikata, Esperanto komunikanta, Esperanto komunikebla.

(sendis GCF)

## KAEST' 98:

Ĉeĥa E-Asocio invitas al kolokvo "Aplikoj de Esperanto en scienco kaj tekniko" (KAEST' 98), okazonta en Prago (Ĉeĥio) 13-15 nov. 1998 sub la aŭspicioj de UEA kaj ISAE.

Krom la plenkunsido pri "Aplikoj de Esperanto en scienco kaj tekniko" la programon traktos du sekciojn: "Modernaj rimedoj de komunikado: iliaj avantaĝoj kaj problemoj" kaj "Terminologiaj problemoj de fakaj aplikoj de Esperanto". La organizan flankon garantias KAVA-PECH — profesia kongresa agentejo kun spertoj organizi fakajn internaciajn eventojn. La kolokvo okazos en la konstruaĵo de Masaryk-instituto de Teknika Universitato Prago (Masarykuv ustav CVUT Praha). Aliĝilojn kaj pliajn informojn petu ĉe KAVA-PECH (Anglickß 878, CZ-25229 Dobrichovice).

## Nord-Amerika E-Kongreso

Granda sukceso estis la Nord-Amerika Kongreso de Esperanto, kiu okazis en Montrealo de la 24a ĝis la 28a de julio de 1998. Sub la komuna prezido de S-roj David Wolff (E-Ligo de Norda Ameriko — L.A. por Usono), Ciprian Jauca (Kanada E-

Asocio) kaj Normand Fleury (E Societo Kebekia), ĉefa organizanto, ĝi kunigis 115 homojn el kvar landoj (62 el Usono, 49 el Kanado, el kiuj 39 el Kebekio, kvar Nederlandanoj kaj unu Bulgaro).

Fakte, la ideo kunigi la tri asociojn (okazis samtempe la 46a Jarkongreso de ELNA, la 16a Jarkunveno de ESK kaj Jarkongreso de KEA) fontis el la neordinara ĉeesto de la E-muzikgrupo Kajto, kiu ĉi-somere turneis en Usono, proksime de Montrealo. Ĉar en nia kontinento ne kutimas vizito de kvazaŭ-profesiaj E-muzikgrupoj, oni decidis, ke indas organizi tian eventon, por ke kiel eble plej multaj homoj povu ĝui la koncerton.

Krom la koncerto de Kajto, laborkunsidoj kaj prelegoj pri diversaj aspektoj de la E-agado kaj rilataj temoj, la kongreso proponis la tradician bankedon, viziton de l' historia kvartalo de Montrealo kaj postkongresan ekskurson al Kebeko. Tiuj vizitoj estis inter la plej ŝatitaj programeroj. Dum la kongreso funkciis libroservo — ĝi amase vendis diskojn de Kajto ; parton de sia profito ĝi donacos al la Amerika Fondaĵo de UEA.

Sylvain Auclair

## Reklamoj en Boletín

*Pri-esperantaj reklamoj*

| | |
|---|---|
| tuta paĝo | 5000 |
| duonpaĝo | 3000 |
| kvaronpaĝo | 2000 |

*Ne-esperantaj reklamoj*

| | |
|---|---|
| tuta paĝo | 6000 |
| duonpaĝo | 4000 |
| kvaronpaĝo | 3000 |




# AEP

Dum la Kongreso en Valladolid, HEF decidis intensigi la informadon al la hispanaj esperantistoj pere de ĉiuj eblecoj proponitaj de Interreto. Ekde tiam funkcias la novaĵ-grupo "alt.esperanto.principiante" kvazaŭ konstanta bulteno en kiu oni povas afiŝi ĉion rilatan al la E-movado en Hispanio.

AEP akceptas ĉiaspecajn informojn, ne grave ĉu temas pri grandskala aranĝo, kiel Kongreso, aŭ pri malgranda renkontiĝo en iu ajn grupo. Se vi opinias ke la afero povas esti interesa por la hispana esperantistaro, ne hezitu skribi al ĉi tiu novaĵ-grupo. Se vi sukcesis ricevi "alt.esperanto.principiante" kaj ĝiajn mesaĝojn, same facile vi povas respondi al iu ajn mesaĝo aŭ sendi novaĵon.

Eble oni rigardas stranga la titolon de la grupo. Kiel klarigo mi povas diri ke ĝi jam ekzistis kun tiu nomo, kaj, anstataŭ krei novan, ni decidis uzi tiun jam ekzistantan.

Se iu volas afiŝi ion, sed ne sukcesas, bonvolu sendi la mesaĝon al mia retadreso (DARIOROD@teleline.es) kaj mi afiŝos ĝin.

Dario Rodriguez



# Emas korespondi

- ✓ Miaj 26 lernantoj en baz-lernejo volonte korespondus perkomputile kun aliaj geknaboj en la mondo pri diversaj temoj de la taga vivo. Ili estas 9-jaraj geknaboj (15 knabinoj kaj 11 knaboj). Ili skribas nur en la franca lingvo, sed volonte uzus la esperantan aŭ la hispanan kiel pontolingvojn (laŭ preferordo). Adreso: Kooperativa klaso La Bulle Bleue; Ecole Rabelais; FR-37 400-Amboise; a.reto@france-association.com
- ✓ Komencanto emas korespondi pri Martinus, Lorber, vegetarismo, kosmo, ktp.. S-ro Lubo Fajth; Rozkvet 2023/45-17; SK-017 01 Pov. Bystrica; Slovakio. fajthl@px.psg.sk
- ✓ Mi aĝas 50 kaj kolektas esperantaĵojn (gazetojn, p.k., g.m.) mi emas korespondi pri naturo, sporto, historio. Zenon Kalinowski; ul. Piaskowa 4; PN-W5 Mazowsze; Pollando.
- ✓ Deziras aĉeti malnovajn poŝtkartojn aŭ fotojn temantajn pri Esperanto-vivo: kongresoj, studtagoj, ktp. por ekspozicioj. Nicole Rambuis; 22, rue Andre Breyer; 65000 Tarbes; Francio.
- ✓ En la For-Orienta Ŝtata Teknika Universitato funkcias la E-klubo "Pacifiko", en kiu membras kaj studentoj kaj instruistoj de diversaj fakultatoj. La Klubo serĉas kunlaborajn kaj spertinterŝanĝajn kontaktojn al multaj aliaj universitate funkciantaj E-grupoj kaj kluboj. Leteroj estas atendataj ĉe For-Orienta Ŝtata Teknika Universitato; Foŝtu 10; ul. Puŝkinskaja; RU-690600 Vladivostok; Rusio; rete: esper@pub.marine.su

## Programaro 1999

La Esperantista Kultur-Centro "Kvinpetalo" en Bouresse, apud Poitiers, Francio, situas en trankvila vilaĝo, meze de regiono riĉa je romanikaj monumentoj. Dum la restado en ĝi, inter la kursoj kaj staĝoj eblas ripozi en parko aŭ promeni sur vojetoj kaj padoj. Ĝia konstruaĵo "Domido" atendas la infanojn de la gestaĝantoj. Jen la unuaj programitaj staĝoj por 1999:

2a—7a de marto 1999:

Gian Carlo Fighiera, Enkonduko al (Esperanto) ĵurnalismo; Omaĝo al Teo Jung kaj Ada Fighiera-Sikorska tra la historio de "Heroldo de Esperanto".

13a—17a kaj 20a—24a de aprilo 1999: Claude Gacond, pri didaktiko kaj pedagogio.

13a—16a aŭ 18a de majo 1999: Pied-migrado (petu specialan programon)

6a—10a de julio 1999: Paul Gubbins, Praktikado de la lingvo.

17a—21 aŭgusto 1999: Multlingva staĝo: iniciado al diversaj naciaj lingvoj, pere de esperanto.

La partopren-kotizo estas tre favora. Pliaj programeroj aperos baldaŭ. Petu detalojn al: "Kvinpetalo", F 86410 Bouresse, Francio; Telefono kaj faksilo: +30 (0)5 49 42 80 74

# UEA — UNO — UNESKO

Jen la mesaĝoj de S-ro Koffi Annan, Ĝenerala Sekretario de Unuiĝintaj Nacioj (UNO) kaj de Colin Power, Asista Direktoro pri Edukado de UNESKO, al la 83a Universala Kongreso de Esperanto, en Montpeliero:

Estas por mi granda plezuro sendi bondezirojn al la membroj de Universala Esperanto-Asocio en la momento, kiam vi kunvenas en Montpeliero por via 83a kongreso.

Gesinjoroj, la nuna estas jubilea jaro. En tiu ĉi jaro de la kvindekjariĝo de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj, ĉie en la mondo viroj kaj virinoj de ĉiuj haŭtkoloroj kaj de ĉiuj religioj kuniĝas por proprigi al si niajn komunajn homajn rajtojn. Ili tion faras sciante, ke la homaj rajtoj estas universalaj kaj nedisigeblaj, kaj ke la lingvo de la homaj rajtoj estas komuna lingvo de ĉiuj popoloj. Ĝi estas verdire universala lingvo, kiu fremdas al neniu kulturo kaj propras al ĉiuj nacioj. Ĝi estas lingvo, kiu asertas la rajton je evoluo, je vivo kaj libereco, je malsamaj opinioj kaj diverseco. Ĝi estas en la kerno de ĉio, kion Unuiĝintaj Nacioj aspiras atingi en paco kaj evoluemo.

Kiam vi kunvenos en Montpeliero por esplori la pontojn inter kulturoj, mi scias, ke vi emfazos la rolon de toleremo kiel konstruelemento de ĉiuj pontoj, la bazo de ĉiuj homaj rajtoj, ĉiaj paco kaj progreso, kaj la fakton ke lingvon oni devas uzi por superi diferencojn, ke konstrua komunikado kreas pontojn, dum lingvo uzata kiel armilo nur apartigas.

Mi dankas al Universala Esperanto-Asocio pro ĝia laboro por antaŭenigi lingvon, kiel ilon por unuigi anstataŭ disigi kaj pro via celebrado de la kvindekjariĝo de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj. Tiu ĉi konferenco povos valore kontribui al tiu procezo, per fortigo de ligoj kaj interŝanĝoj de informoj kaj ideoj.

Mi deziras al vi agrablan kaj profitodonan semajnon en Montpeliero.

Koffi Annan
Ĝenerala Sekretario de Unuiĝintaj Nacioj

Nome de la Ĝenerala Direktoro de UNESKO mi ĝojas sendi miajn bondezirojn al la partoprenantoj de la 83a Universala Kongreso de Esperanto.

UNESKO aparte aprezas la ĉi-jaran kongresan temon "Mediteraneo: ponto inter kulturoj", kiu kondukos al pli bona interkompreniĝo kaj solidareco inter la popoloj per kompreno de fremdaj lingvoj kaj kulturoj. Mi notas kun granda kontento la simpozion, kiu estas organizita kadre de la kongreso, "Lingvopolitiko kaj interkultura edukado: kion alportas Esperanto", kiu utilos al la agado de nia sektoro pri lingvoj kaj la LINGUAPAX-projekton, kiu, kiel vi scias, laboras por antaŭenigi lingvan diversecon kaj plurlingvan edukadon.

La kongreso aparte atentas la 50-an jariĝon de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj. Edukado al civitaneco kaj lingva kaj kultura, kiu estas parto de la homaj rajtoj, iĝas pli kaj pli esencaj en la lukto por la paco. La 50-jariĝo de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj estas unu el la prioritataj agadoj de UNESKO kadre de ties programo por kulturo.

Klaras, ke la rezulto de via kongreso pliriĉigos la laboron de UNESKO en pluraj kampoj, i.a. la preparado de raporto fare de UNESKO pri la lingvoj de la mondo, kiu aperos en 2001. Ĝi estos aktualigita ĉiun kvinan jaron kaj donos al Membro-Ŝtatoj taŭgajn rekomendojn sur la lingva kampo. La preparlaboro pri tiu raporto jam komenciĝis en kunlaboro kun kelkaj ne-registaraj organizaĵoj (NROj), kaj ni esperas, ke ankaŭ UEA partoprenos. Fakte, sperto pruvas, ke nia longdaŭra kunlaboro estas profita ambaŭflanke, kaj multaj el niaj celoj kaj ideoj similas.

Kun miaj bondeziroj por agrabla restado en Montpeliero, mi certigas la intereson de UNESKO pri la grava laboro, kiun vi entreprenas por krei mondon, en kiu diverseco kunsonas kun pli granda unueco.

Colin Power

Asista Direktoro pri Edukado de UNESKO



# "Tutmondiĝo: ŝancoj por paco?

La berlina Universala Kongreso debatos pri la temo "Tutmondiĝo: ŝancoj por paco?

Ofte ni jam parolis pri tutmondiĝo aŭ planediĝo, sed ni ne parolis pri tio ĉu la tutmondiĝo estas favora al la paco aŭ ne. Eble la grandaj potencoj sub la hegemonio de Usono ne entreprenos vastan tutmondan militon, ĉar, pro la detrukapablo de la modernaj armiloj, oni riskos la pereon de la homaro. Anstataŭe, la efiko mem de la tutmondiĝo povas kaŭzi la plimultiĝon de malvastaj militoj kaj terorismoj.

Se la tutmondiĝo estus rezulto de la konsciiĝo de la etnaj popoloj pri la neceso de la organizo de la homaro entute, la tutmondiĝo estus granda faktoro de paco, ni eĉ povas diri nepra faktoro de paco.

La nuna tutmondiĝo, la unua de la tuta homara historio, alvenas ne pro la konvinkiĝo de la plej multo el la homoj, sed pro materialaj faktoroj fremdaj al la menso kaj volo de la homoj. Alie, la aktuala tutmondiĝo fariĝas precize en la financa kampo sub la hegemonio de Usono kaj sub la entrudiĝo de la angla-usona lingvo. Eble, la hegemonio de Usono ne estos eterna. Japanio kaj Ĉinio povas aperi kiel aliaj centroj de ekonomia kaj naciaj povoj. Eble, ĝis la mondo organiziĝos tutmonde, la grandaj potencoj lernos kunvivi kaj evitos la grandan lastan mondmiliton. Ni do nur parolos pri la etnaj militoj.

Estas evidente, ke la plej multo el la grandaj ŝtatoj formiĝis pro absorbiĝo de najbaraj graflandoj, kelkfoje kun moroj kaj lingvoj diferencaj, kaj estis unuigitaj pro la premanta forto de la centro de povo, kutime sub absoluta monarkio. Kiam la centro de povo dekadencas aŭ perdas la prestiĝon, ekaperas la revo de ĉiuj regionoj pri sendependiĝo de la centro de povo, eskapante el ties premanta unuiga forto. Tio generas la etnajn movadojn, kiuj, manke de militpovo, ofte uzas la terorisman luktadon. Ŝajnas, ke tiuj etnaj movadoj luktas por la libereco de la popoloj, sed venkante ili generas la etnan purigon. Reale, estas retrorigardo al la pasinteco por reveni al mezepoka socio. Tiuj fortoj kompreneble estas esence tute kontraŭaj al la tutmondiĝo. La dispartiĝo de la grandaj ŝtatoj al malgrandaj ne generas liberecon, kiu ĉiam estas individua, sed la multiĝon de centroj de povo.

Laŭ la irado de la historio la transiro de la triba socia organizo al tiu de la unuaj malgrandaj ŝtatoj estis tragika. Tiel same estis tragika la fondiĝo de la grandaj ŝtatoj. Ĉu ankaŭ la tutmondiĝo estos tragika? Se ĝi fariĝos per la povo de hegemonia ŝtato la historio plu evoluos sur tragika vojo. Ĉu estas preferinde lasi la mondon kiel nun kaj haltigi la fortojn, kiuj materiale unuigas ĝin? Por tio oni devos haltigi la sciencan kaj teknikan progreson, oni devus fari la socion stagna. Ne nur estos malpliigo en la vivnivelo, ses eĉ en la kulturo, ne la kultureto de kutimoj, moroj aŭ rutino, sed en la vasta kulturo, kiu alportas la homan kaj homaran konsciiĝon en pli altan universalan civilizacion.

Ni devas agnoski, ke la kristanisma asckto, ke "ni ĉiuj devenas de sama geparo kreita de Dio" estas la plej granda unuiga forto de la homaro. La kristanismo estas ekumena. Laŭ tiu vidpunkto, la etnismo estas disiga forto retroira, ĝis la primitivaj triboj.

La tutmondiĝon oni nek povas nek devas bremsi aŭ haltigi. La nuna farenda tasko estas ĝin envojigi. La esperantismo de Zamenhof proklamas la tutmondiĝon sub la plano de egaleco. La tutmondismo sub la lingvo Esperanto, neŭtrala pri naciismo, la zamenhofa homaranismo "mi estas homo apartenanta al la homaro" estas la ideo-forto por envojigi egalece, fratece kaj liberece la tutmondiĝon.

Giordano Moya (junio, 1998)

# Eŭropo pravigas la Zamenhofan metodon




*"Eppure si muove"* flustris la itala Galileo Galilei kiam li devis forĵuri pri siaj ideoj rilate la movojn de la planedoj en la Universo pro la minacoj de la papa aŭtoritareco. Per tiu frazo li komprenigis du aferojn: la unua —kaj sendube plej grave— estas tio ke la Tero moviĝas ĉirkaŭ la Suno, kaj la due —certe ne malplej grava— estas tio ke la scienco, la esploro kaj la studo ne devus esti misinfluata de aŭtoritatuloj, la kritiko aŭ la publika opinio, kaj ke, se iu pravas, nek la Papo, nek la Imperiestro, nek la Inkvizicio rajtas perforte neigi lian laboron.

La tempo pravigis Galileon, kiu, kurioze, estis pardonata de la Papo mem antaŭ kelkaj jaroj. Verŝajne io simila okazas nuntempe al la pola Zamenhof. La lingvistoj, la politikistoj kaj eĉ la publika opinio multfoje fajfis pri la Zamenhofa projekto, rigardante ĝin absurda, ne-reala, utopieca aŭ sensenca. Sed oni povus denove uzi la vortojn de Galileo "*eppure si muove*", kio ĉi-foje indus traduki kiel "kaj tamen ĝi funkcias", ĉar, en sia deziro adopti ununuran monunuon, la eŭropaj institucioj sekvis paŝon post paŝo la Zamenhofan metodon. Ni vidu:

* La eŭropaj politikistoj interkonsentis ke neniu politika aŭ ekonomia unuiĝo eblas se ĉiu ŝtato havas apartan valuton ne uzeblan en la najbaraj landoj. Jam antaŭ longe Zamenhof pensis same, t. e. ne eblas konstrui veran internacieman projekton se ĉiuj ŝtatoj uzas malsimilajn lingvojn en siaj interrilatoj.

* Ŝajnis universale akceptita ke la usona dolaro estas la internacia monunuo. La merkatoj kaj varoj esprimas siajn valorojn laŭ la usona valuto, same la komerco inter

ĉiuj ŝtatoj realiĝas pere de la usona monunuo, kiu estas ĉie akceptata. Eĉ pli, kelkaj ŝtatoj forgesis definitive sian nacian monunuon adoptante kiel propran la dolaron. Tamen, kiam la eŭropaj politikistoj aprobas la adopton de eŭropa valuto, ili decidas krei novan unuon. Zamenhof antaŭ pli ol 100 jaroj faris tute same. Li opiniis ke nacia lingvo neniel povas funkcii kiel internacia.

* Tiu nova eŭropa monunuo ricevis baldaŭ sian nomon, eĉ antaŭ ol sia oficiala ekzisto. La nomo estus ECU (*European Currenc Unity*—tiel en la angla lingvo—). Sed, kiam la eŭropaj ĉefministroj aprobis la definitivan projekton, la reprezentantoj de kelkaj ŝtatoj, ĉefe Germanio kaj Francio, deklaris ke oni ne povas akcepti la superecon de unu lingvo malfavore al la aliaj. Tia do necesis serĉi alian tuteŭropan nomon. Zamenhof en 1887 opiniis same, en la internacia lingvo oni ne povas uzi la gramatikaĵojn kaj la vorto-stokon de ajna lingvo pli ol tiujn de la ceteraj lingvoj.

* Kiam la eŭropaj politikistoj renkontiĝas por trovi taŭgan nomon por la nova valuto, ili decidas ke la plej internacia vorto estas EURO, ĉar ĝi aperas en ĉiuj naciaj lingvoj (Europa, Europe...). Ankaŭ Zamenhof pensis tion en la pasinta jarcento, la internacia lingvo devas posedi la plej internaciajn elementojn kaj, se eble, ili devas esti komunaj al kiel eble plej multaj naciaj lingvoj.

* Eĉ kiam oni decidis la nomon de la centono de EURO oni akceptis la nomon CENT, ĉu eblas pripensi pli taŭgan rekonon de la Zamenhofa metodo fare de la eŭropaj institucioj?

Tiel, vole nevole, ŝajnas ke la Eŭropa Unio pravigas la Zamenhofajn opiniojn, ĉar oni sekvis la vojon kiun la pola lingvisto proponis antaŭ 111 jaroj, kvankam temis pri malsimilaj aferoj, adopto de ununura monunuo kaj adopto de helplingvo. Jen kial venontfoje, kiam mi aŭdos de la politikistoj, de la lingvistoj aŭ de tiuj kiuj emas opinii ne konante ĉiujn detalojn de iu afero, ke Esperanto estas absurda, ne-reala, utopieca aŭ sensenca, mi diskrios, ne susuros kiel Galileo, *eppure si muove.*

*J.M.R.H.*

## Kalendaro

1a novembro; Limdato por aliĝi al la 25-jara jubilea eldono de Pasporta Servo. Ni lotumos 3 libroĉekojn po 100 NLG inter la gastigantoj. Inf: Derk Ederveen, Westenburgstraat 15, NL-2275 XR Voorburg, Nederlando. Rete: pasporta.servo@esperanto.nu

20a-22a novembro; Kultura Esperanto-Festivalo, Santiago de Cuba. Inf: Kuba Esperanto-Asocio, PF. 5120, KU-10500 Havano, Kubo. Tel: +53-7-401364, fakso: +53-7-33729. Rete: kubesp@mail.infocom.etecsa.cu

28a-29a novembro; Speciala monatfino pri KCE tridekjara, La Chaux-de-Fonds. Inf: Kultura Centro Esperantista, PB. 311, CH-2301 La Chaux-de-Fonds, Svisio. Tel/fakso: +41-32-9267407

29a novembro; Malferma tago en la CO de UEA. Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Tel: +31-10- 4361044. Rete: uea@inter.nl.net

27a decembro - 12. januaro; Monda Ĵamboreo, Ĉilio. Inf: Hector Campos Grez, Casilla 231, Curico, 7a Region, Ĉilio






# Dámaso Alonso

Trd: Miguel Fernández

KANZONETO

(El La vento kaj la verso)

Kelkaj volas maŭzoleojn,
kie pendos mil trofeoj,
sed ne larmos amikar'.

Ilin mi ne volas, ne
—tion kantas mi kun klar'—,
ĉar mi tre

volus morti sur la vento,
kiel istoj de la mar'
— sur la mar'.

Min sepultu sur la val'
pleje larĝa de la vento.

Kiel dolĉa ideal'
morte kuŝi sur la vento!,
kiel kapitan' de l' vento;
kiel kapitan' de l' mar',
morta meze de la mar'.

LA KALKULANTOJ DE STELOJ

(El Puraj poemoj: priurbaj poemetoj)

Mi lacas tre.
Kontemplos
ĉi urbon tuj
—ajnecan—, mian urbon
de antaŭ jar-dudeko.

Sen ŝanĝoj plu.
Knabeto
faradas senutile stel-kalkulon
apude, ĉe fenestro.

Vane. Mi lantas pli: ĉiam postrestos
verŝajne:
Unu, du, tri, kvar,

kvin steloj...

Mi postrestos
verŝajne: Unu, du,
tri...
kvar...
kvin steloj...

Damaso Alonso naskiĝis en 1898 kaj atingis elstaran lokon en la hispana poezio. Profesoro de hispanaj lingvo kaj literaturo ĉe diversaj universitatoj de Eŭropo kaj Ameriko. Li rivelas en la poezio de sia unua epoko intiman lirikismon kaj en sia dua periodo subtilan aŭdacon kaj angoran ekzistadismon.






## Lingva Angulo 4

*Antonio Valén*
"Ni parolu pli bone"

## KIO ESTAS AKUZATIVO?

**"Finfine mi trovis taŭgA rimedO por neniam forgesi la akuzativO!" Ĉu la esprimo iel familiaras al vi? Esperanta akuzativo estas unu el la ŝtonoj de falpuŝiĝo por hispanlingvanoj -sed kiel ĝuste uzi ĝin?**

Ĝenerale oni klarigas akuzativon al hispanlingvanoj identigante ĝin kun la objekto (hispane "objeto o complemento directo"), nome *Juan come peras* — ***Johano manĝas pirojn***, ĉar *peras* estas la objekto kaj ***pirojn*** havas la akuzativan finaĵon ***-n***.

Tia simpligo ja tre taŭgas por komencantoj, sed ne ĉiam montriĝas plene vera. Foje ni trovas akuzativojn movan (***Li veturis Madriden***), tempan (***Ni babilis du horojn***) aŭ kvantan (***Tablo du metrojn longa***) ja ne objektaj, sed adjektaj (adjekto — hispane "complemento circustancial"), kaj foje ni trovas objekton sen ajna akuzativmarko, ekzemple ĉe nevariaj numeraloj (***Mi renkontis unu el viaj fratinoj***).

Nepras do trovi adekvatan klarigon por progresintoj, rigardante la akuzativon de funkcia vidpunkto, t.e. kiel harmonian unuon ene de la esperanta lingvo-kodo. Jen la ŝlosilo: akuzativo estas *malsubjekto*.

Mi pli longe klarigu:

La strukturo *substantivo-verbo-substantivo*, ekzemple ***Johano trinkas akvon***, *Juan bebe agua* (la vort-ordo ne gravas) estas tipa por multaj lingvoj (Wells,1989:39), kvankam la kategorioj "substantivo" kaj "verbo" ne nepre samas kun la hispanlingvaj. Tiu strukturo bezonas markon por distingi la rolojn en la frazo de la unua (subjekto: ***Johano***, *Juan*) kaj la dua substantivoj (objekto: ***akvon***, *agua*). Ĉiuj lingvoj senescepte utiligas almenaŭ unu el la jenaj kvar rimedoj (Waringhien, 1949:34-35):

1) **Akuzativo** kun aparta kazo en la deklinacio, kiel en esperanto per la rekonilo ***-n***. Variaĵo de akuzativo estas **ergativo** (aparta marko ne por la objekto, sed por la subjekto), kiel en la eŭska lingvo. Akuzativon oni trovas en la helena, germana, hungara, finna, turka, mongola kaj en preskaŭ ĉiuj slavaj lingvoj.

2) **Prepozicio**, kiel en la hispana *Juan ve **a** Pedro — **A** Pedro ve Juan*. Aliaj lingvoj kun prepozicia objekto-morfemo estas la hebrea, rumana kaj afrikansa.

3) **Postpozicio**, nome, la "prepozicio" staras post la objekto (kvazaŭ ni dirus en la hispana: **Juan ve Pedro **a***). La japana kaj la urdua markas la objekton per postpozicio.

4) **Fiksa vort-ordo** trudanta al la objekto devigan lokon en la frazo, kutime tuj post la verbo, kiel en la angla *John sees Peter* (% *Peter sees John*) aŭ en la franca *Jean voit Pierre* (% *Pierre voit Jean*). Aliaj tiutipaj lingvoj estas la itala, portugala, nederlanda, dana, norvega, sveda, ĉina kaj vjetnama.

El ĉi kvar ebloj, la hispana fakte utiligas du (prepozicion kaj fiksan vort-ordon), sed priklarigo tro pezigus la nunan artikolon. La kvar ebloj por ĉiuj lingvoj fakte reduktiĝas al nuraj du: morfologia marko (akuzativo, prepozicio, postpozicio) kaj fiksa vort-ordo. El inter la tri morfologiaj ebloj por distingi subjekton disde objekto, la esperanta rekonilo ***-n*** estas maksimume simpla, ĉar ĝi allasas ŝanĝon de la vort-ordo. Male, fiksa ordo (ekzemple *subjekto-verbo-objekto*) katenus rigidige la frazojn en esperanto.



Akuzativo, oni diras al hispanlingvanoj, egalas "objekton" aŭ "markon por movo, tempo aŭ kvanto"; sed envere akuzativo rolas kiel *marko de ne-subjekto*. Esence, rekonilo ***-n*** egalas prepoziciojn: substantivo kun antaŭa prepozicio ("strato" en: Johano trinkas akvon ***sur** la strato* — Juan bebe agua ***en** la calle*), kaj substantivo finiĝanta per ***-n*** ("akvon" en: Johano trinkas *akvo**n*** sur la strato) neniel povas funkcii subjekte. Nur senmarka substantivo povas subjekti (*Johano*). Kaj tiel ke la esperanta vort-ordo liberas, la frazo ****Johano trinkas akvo*** simple neeblas, ĉar ĝi enhavas du subjektojn ("Johano" kaj "akvo"): kiu trinkas kiun? Nu, evidente, akvo ja ne povas trinki Johanon, sed permesu ekzempligon per alia intence senakuzativa frazo: ****La kato vidas la hundo***. Se ni ne metus akuzativan finaĵon ***-n*** post "kato" aŭ post "hundo", ni certe ne povus scii kiu vidas kiun.

La "marko por movo, tempo aŭ kvanto" (tipa ankaŭ en la helena, latina, germana kaj baltaj lingvoj) estas nur komplika klarigo por simpla fenomeno: ĉi-kaze, esperanta akuzativo denove egalas prepozicion, nome *Ŝi restis tri tago**jn*** (Ella se quedó tres días) — *Ŝi restis **dum** tri tagoj* (Ella se quedó durante tres días); **Ŝi restis tri tagoj* neeblas, ĉar ni ne povus scii kiu substantivo subjektas ("Ŝi" aŭ "tagoj") sen la helpo de la semantiko, t.e de la signifo. *Ni vojaĝos en Italio**n*** — *Ni vojaĝos **al** en Italio* (= *Ni vojaĝos **al** en[o de] Italio*) (Viajaremos **hacia** el interior de Italia). Krome, ankaŭ la senakuzativa frazo *Ni vojaĝos en Italio* eblas kaj ĝi signifas, ke ni vojaĝos ene de Italio nur kiam ni troviĝos en tiu lando. Ĉu ne bona ekzemplo de la gramatika kohereco en esperanto?

Kompreneble, oni ne uzu la t.n "movan, tempan kaj kvantan akuzativon" post prepozicioj indikantaj movon, tempon aŭ kvanton, ekzemple ***al, dum, da***.

Multaj kritikis kaj multaj laŭdis la ekziston de akuzativo en esperanto. Ni povas resumi jene la poran argumentadon: akuzativo kaj implica libera vort-ordo konsistigas la vere unikan sintaksan elaston de la internacia lingvo

"Longe vivu la akuzativON!" Ĉu la esprimo familiaras?

Bibliografio:

— *G. Waringhien*, "La akuzativo en Esperanto el teoria kaj interlingvistika vidpunkto", *Esperantologio*, Kopenhago, n-ro 1, 1949, p. 33-52.

— J. Wells, *Lingvistikaj aspektoj de Esperanto* (1978), Roterdamo, Universala Esperanto-Asocio, 1989 (2a eld.).

# 58 HK

La 58a Hispana Kongreso de Esperanto okazos samtempe kun la 9a Eŭropa Esperanto-Forumo en la urbo Castellón de la 17a ĝis la 21a de Julio 1999.

La kongresa sekretariejo estos en: Av. Burjasot 29, A-31. 46009 — Valencia. Retadreso: a-casquero@redestb.es

L.G: Asociación "Verda Rondeto". Passeig de Morella, 2 Baix. 12004 Castellón. Telefono: + 34; 964-20-32-38

La kongresejo situas en la Facultad de Ciencias Jurídicas y Económicas, Universidad "Jaime I", Campus de Riu Sec. Castellón.



